25ª Jaro - Nº 9-10 (268-269) Jara Kotiz-Abono Fr 35.— Sept.-Oct. 1939ª

# BELGA ★ ESPERANTISTO

Monata Revuo fondita en 1908ª

DIREKTORO:
Maur. JAUMOTTE
44, Avenuo De Bruyn
WILRYCK-ANTVERPENO

Oficiala Organo de
Reĝa Belga Ligo Esperantista



Societo sen profita celo - Belga Ŝtatgazeto 27 6 36

EN MALESPERIGA MONDO

## La pafilegoj tondras ĉe niaj landlimoj

Apenaŭ ni disiris post la Lovena Kongreso, kiam jam, iom post iom, plinigriĝis la politika horizonto de Eŭropo.

Multaj inter ni, fidelaj kaj obstinaj Esperantoj, pensis : « Ni ja travivis pasintan jaron, proksimume je la sama momento, similan politikan krizon... kaj post la nigraj nebuloj, la ĉielo tamen reiĝis serena ! Kial la samo ne reokazus tiun ĉi jaron ! »

Kaj fakte ili pravis, ĉiam esperante, ĉar vivo senespera, ne nur povas ŝajni al ni senvalora aĵo, sed fakte estas ankaŭ senvalora.

Sed, malgraŭ tiu espero, kiun ĉiu el ni, laŭ sia kredo, laŭ sia filozofia opinio, eldiris per aliaj vortoj, sed ĉiuj same arde, same vigle, Septembro 1939 ne estis simila al Septembro 1938.

La kialo por tiu diferenco estas, ke, inter tiuj du samnomaj monatoj, okazis kelkaj gravaj internaciaj faktoj, kiujn ni, en la nacia organo de nia neŭtra Belga Lando, ne volas pridiskuti, eĉ ne pli funde alludi, sed kiuj forigis ĉe multaj homoj en la plej diversaj landoj, la fidon en iliaj homfratoj, kiu estas necesega por paca laboro kaj eĉ por nura paca apudvivado.

Kaj tiel, je la unuaj tagoj de Septembro, eksblovis la uragano, kiu unue eksaltigis la Militon en la Oriento kaj, preskaŭ tuj poste, ĉe niaj limoj.

En tiu ĉi nacia organo, ni rajtas skribi FELIĈE NI NE JAM ESTAS KUNTIRITAJ EN LA MILITON.

Tiun egoisman penson ni rajtas havi, ĉar estas homa kaj ne nur komprenebla, sed tute natura fakto, ke ni pensu, en unua vico, pri ni mem, pri niaj gepatroj kaj infanoj, pri niaj gefratoj kaj geparencoj, pri niaj amikoj kaj niaj kunbatalantoj en medioj, en kiuj ni, profesie aŭ idealisme, laboras.

Sed post tiu egoisma konfeso, tuj elspruĉas el nia brusto la penso pri tiuj aliaj konatoj de ni kaj eĉ nekonatoj, kiuj en la militantaj landoj ankaŭ ĝis nun kunbatalis kun ni por sama idealo; pri la tutmonda Esperantistaro, kiu en sia koro suferas pro la endanĝeriĝo de fora amiko, kiam ne estas de apuda parenco.

Ni pensas pri niaj komunaj luktoj por la efektiviĝo de idealo de Homamo kaj internacia Frateco, kiu, kun la vivo de milionoj da soldatoj, ankaŭ endanĝeriĝis serioze.

Ĉar se, en nia lando, de la unua tago de la milito, estis alvokitaj al servado nia Liga Prezidanto D-ro Kempeneers kaj nia ligilo inter la nacia kaj la internacia movadoj S-ro G. Van den Bossche. ankaŭ en la diversaj grupoj, multnombre estis vokitaj al sama deĵorado, gvidantoj kaj helpantoj.

Kaj same okazas ankaŭ en aliaj landoj. Kaj tiel denove stagnas nia Afero !

Jam en la pasinta monato, ni decidis, malgraŭ la okazantaĵoj, daŭrigi la laboron kaj ni akiris la aprobon de nia Prezidanto, por la eldono plua de nia revuo.

Sed en tiuj ĉi speciale pezaj cirkonstancoj, en kiuj ankaŭ la materia vivo de la homoj sekvas tute neordinaran vojon, ne plu sufiĉas decidi, por ke io efektiviĝu.

La numero de Septembro-Oktobro, anstataŭ aperi ĉe la komenco de la monato de Oktobro, do aperas kun prokrasto de pli ol monato. Tamen ni, en la lastaj tagoj, ankoraŭ interrilatis kun la gvidantoj de la grupoj, por ke ili helpu nin aperigi tiun numeron kun la programoj ĝisdataj. Sed fakte la grupa vivo en diversaj el niaj sekcioj iĝis ankaŭ malfacila, pro la foresto de bonaj kunlaborantoj, pro la malfacilaĵoj pri konvenaj ejoj, k.t.p.

Tiu ĉi numero de « Belga Esperantisto » do ne povas alporti al la legantaro la novaĵojn ofte ĝojigajn, kiujn ni trovis precipe en la Kronika Parto, dum aliaj monatoj.

Sed tio ne malhelpos, ke la eldonado de la revuo estos daŭrigata.

Ĉio dependos de la okazontaĵoj kaj de la cirkonstancoj. Kaj ankaŭ, ni ne forgesu, de nia propra volo, de nia propra laboro.

Ke tiuj, kiuj ne estas ĝis nun alvokitaj al militservo; ke tiuj kiuj ankoraŭ disponas pri sufiĉaj monrimedoj, pripensu antaŭ la jarfino tion, kion ili povas fari; tion, kion ili povas dediĉi al la daŭrigo de nia propagando en tiu tempodaŭro, dum kiu multaj ne povas helpi, nek laborante, nek, eĉ por kelkaj, kotizpagante.

Maur. JAUMOTTE.

## Elekto de delegitoj de I.E.L.

Laŭ la statuto de I.E.L. la elekto de la Delegitoj devas okazi dum aŭtuno 1939.

Laŭ la statuto de I.E.L., en Belgujo la Delegiton nomas Reĝa Belga Ligo Esperantista, interkonsente kun la Ĉef-delegito.

R.B.L.E. transdonas al la Grupoj la rajton prezenti la kandidatojn al tiu ofico, en la lokoj kie ekzistas grupo de R.B.L.E.

La Grupestraroj bonvolu do aranĝi senprokraste elekton de la kandidatoj, atentante la regulojn de la statuto kaj de la Ĝenerala Regularo de I.E.L. Tiuj estas presataj en la Jarlibro de I.E.L. por 1938, sur paĝoj 32 kaj sekvantaj. Bonvolu trovi sube la plej gravajn el tiuj reguloj.

### STATUTO DE I.E.L.

§ 17. — En taŭgaj lokoj I.E.L. estas reprezentata de Delegitoj, kaj se necese de Vic-Delegitoj kaj Fak-Delegitoj. Ĉiu Delegito devas esti individua membro de I.E.L.

§ 18. — La Delegito varbas membrojn kaj funkciigas la servojn. La Delegiteco estas honora ofico.

### ĜENERALA REGULARO DE I.E.L.

§ 5. — La Delegitoj estas elektataj por servi al la membroj, kaj por reprezenti la Ligon. En unu loko estas nomataj unu Delegito kaj, laŭ neceso, Vicdelegitoj kaj Fakdelegitoj.

Delegito devas esti Individua Membro de I.E.L.

En landoj, kie ekzistas aliĝinta(j) asocio(j), Delegito devas esti membro de tia asocio.

Li plenumu laŭeble la jenajn kondiĉojn:

Li estu plenaĝa enlandano daŭre loĝanta en sia regiono, abonu kaj regule legu la oficialan revuon, bone konu la Esperantan lingvon kaj movadon; klopodu havi bonajn rilatojn kun la lokaj Esperanto-Societoj. Li promesu, sub rezervo de gravaj malhelpoj, zorge plenumi sian oficon dum almenaŭ unu trijara periodo.

§ 6. — La Delegito prizorgas administrajn aferojn laŭ instrukcioj de la Centra Oficejo; konservas en bonordo la leterojn kaj dokumentojn de sia ofico.

§ 7. — Vicdelegito helpas kaj anstataŭas la Delegiton. La reguloj starigitaj por la Delegito valoras laŭsence por li.

§ 8. Fakaj Delegitoj estas elektataj por sia sperto, kaj respondas al tiurilataj informpetoj.

★

La Grupestraroj estas petataj aranĝi la elekton de la kandidatoj kiel eble plej baldaŭ por ĉiu loko, kie ekzistas grupo aliĝinta al R.B.L.E. kaj sendi al la Prezidanto 19, avenue Montjoie, Uccle-Ukkel, liston, kun nomoj de la proponataj Delegito, Vicdelegitoj kaj Fakdelegitoj. Por starigi tiun liston la grupestraroj bonvolu rigardi modelojn en la nunjara Jarlibro.

Kun samideana saluto.

Ch. Poupeye — Ĝenerala Sekretario.
D-ro P. Kempeneers — Prezidanto.

# MILITO

**Alvoko al la pacaj batalantoj. — De E. MALMGREN**

La monstro, kiu portas la nomon Milito, venis inter nin. La unuan de septembro. Kaj la monstro jam formanĝis milojn da homoj. Neniu scias, kiam oni sukcesos katenigi la monstron. Ni esperu, ke tio baldaŭ okazos, kvankam ĉiuj antaŭsignoj avertas nin, ke ni devos esti pretaj suferi longe sub la regado de Milito.

Kiuj suferas? Ĉu suferas vi, fratoj en Anglujo kaj Francujo? Ĉu suferas vi, amikoj en Germanujo kaj Polujo? Ĉu suferas ni en la neŭtralaj landoj? — Jes! Nia sufero estas same granda. Ĉar ni scias, ke nun fratoj staras unu kontraŭ la alia, pretaj fari la kruelan servadon al la monstro Milito. Nin dolore premas, ke momente Milito montriĝis pli forta, pli venka ol la batalanto Civilizacio.

Sed ĉu ni, la kunbatalantoj de Civilizacio, do nun subiĝos, ĉu ni klinos nian kapon sub la jugon de Milito? Ĉu ni lasu la monstron ekstermi kaj detrui la konstruajon, kiun ni komencis pretigi? Ni ja intencis proponi nian konstruajon kiel hejmon por nia amiko Civilizacio. Ĉu ni nun forkuru de nia laboro? Amiko, ĉu vi forkuros? Kunbatalanto, ĉu vi kapitulacos?

Mi esperas, ke ne!

Mi kredas, ke ne!

Mi scias, ke ne!

Parto de nia Esperanto-domo povas esti detruota, kiam bombo eksplodas. Sed konstante ni esperantistoj daŭrigos ripari kaj plukonstrui. Kaj kiam fine nia amikino Paco revenos al la mondo, ŝi trovos, ke nia Esperanto-domo estas pli kompleta ol ĝi iam estis eĉ antaŭ la Milita epoko.

**Kion ni do nun faru?**

Amikoj en Svedujo, Norvegujo kaj en ĉiuj aliaj neŭtralaj landoj! Ni daŭrigu nian Esperanto-laboron precize kiel antaŭe! Ni aranĝu Esperanto-kursojn, ni partoprenu la kunvenojn de la Esperanto-kluboj pli vigle ol antaŭe! Ni ekzercu Esperanton inter ni. Kaj se ni havas korespondantojn en fremdaj landoj, ni laŭ ebleco daŭrigu la korespondadon por tiamaniere vigligi kaj apogi ilin.

Kaj vi, amikoj en la landoj, kiuj nun militas! Vi ankaŭ provu daŭrigi vian laboron! Speciale sur la ŝultrojn de la sinjorinoj estas metata la ŝarĝo prizorgi nian movadon. Sinjorinoj, faru vian plejbonon, por ke viaj edzoj, viaj fratoj kaj amikoj, kiam ili revenos hejmen de la milito, trovu ke vi fidele zorgis pri nia Esperanto-domo! Estu certa, ke vi ricevos ilian plej koran, plej profundan dankon! Estu certa, ke la koro de viaj Esperanto-soldatoj estos plena je plorsenta kortuŝo kaj je amplena fiero pro via volo daŭrigi la ĉefverkon de ilia vivo! Ĉar Esperanto ja por multaj el ni fakte estas nia ĉefa vivtasko.

Tiel vi laboru! Kaj nun pri Internacia Esperanto-Ligo.

Jam en la pasinta printempo IEL decidis per sia Filia Oficejo en Stockholm organizi interŝanĝon de korespondaĵoj inter militaj landoj. Tiamaniere ni celas krei kontakton inter militkaptitoj kaj iliaj familianoj. Cetere mi povas informi vin, ke tiu koresponda servo jam menciĝis. La adreso de Filia Oficejo est[as] Internacia Esperanto-Ligo, Tegelbacken, St[ock]holm, Svedujo. La Filia Oficejo prom[esas] plenan lojalecon kaj pretecon servi en tiu k[am]po. Memoru, ke temas pri leteroj (ne kart[oj]) kaj ke la enhavo devas havi privatan ka[rak]teron. Por kovri afrankelspezojn, bonvolu doni internacian respondkuponon.

Ankaŭ la redakcio de « Heroldo de Esp[er]anto » jam publikigis sian pretecon, servi tiu senco ke ĝi peradas privatajn leterojn i[n] militantoj landoj, kaj anka jam ekfunkci[is] tiun servon.

**Esperanto-Kongreso:**

Ĉiujare ni kutimas havi mondkongreson Esperanto. Kaj tiu kongreso estas por ni grava, ke ĝi ŝajnas al ni esti la kulmino d[e] jaro. Ni ja volonte faras longajn vojaĝojn, ni volonte ŝparas monon dum tuta jaro havi eblecon partopreni la manifestacion Esperanto.

En 1940 la mondkongreso okazus en M[ar]seille. Tio nun ne estos ebla. Sed ĉu ĉiuj po[rd]oj al esperantista kongresejo nun estas fi[n]ŝlositaj? Tute ne! En la Nordo la pordoj koraŭ estas larĝe malfermitaj. Ĉu ni do aranĝu kongreson aŭ konferencon en iu n[or]landa urbo? Jes, kompreneble!

Ni ĉiam volas vidi iun celon antaŭ Proksiman celon. Pro tio mi jam sendis in leteron al ĉiuj skandinavaj kaj baltaj la[ndoj] partopreni « Balt-Skandinavan Konferencon» kiu okazu sub la devizo: « Nordo en k[un]laboro ». Tiu konferenco okazos en la som[ero] 1940 en Oslo aŭ Stockholm. Post unu mon[ato] ni informos pri la detaloj. Jam nun mi ta[men] diru, ke la konferenco celas diskuti ne esperantajn aferojn sed ankaŭ aktualajn munajn temojn por la neŭtralaj landoj, spec[iale] por la nordaj landoj. Estas memkomprene[ble] ke ankaŭ Nederlando kaj Belgujo estas invi[titaj] al la konferenco. Sed pro la longa distanco pro la danĝeraj vojaĝoj mi ne povas antaŭ multnombran partoprenon el tiuj landoj. — eble Belgujo kaj Nederlando aranĝu pro[pran] konferencon.

Esperantistoj en la baltaj kaj skandina[vaj] landoj! Vi nun vidas, ke ankaŭ venontjar[e] havos eblecon partopreni esperantan manife[sta]cion. Estu certa, ke la konferencaranĝ[antoj] faros sian plejeblon por ke vi ĝuu belan k[on]ferencon. Jes, mi eĉ kredas, ke tiu konfere[nco] estos subtenata de pli forta entuziasmo ka[j] pli forta solidara sento ol kongreso en [paca] periodo.

**Jen la perspektivoj!**

Kvankam la eksteraj cirkonstancoj do[mo]mente povas aspekti krizaj kaj malfavoraj, tamen nun vidas, ke ne estas ia ajn kaŭzo n[e] esperi aŭ rezigni. Per forta volo oni ce[rte] povas movi montojn. Ĉar ni havas tian vo[lon] ni ne timas la estonton, ĉar:

**la estonto estos nia!**

**Vivu Esperanto!**

# Niaj ĉiujaraj naciaj Kongresoj

*Dum la Kongreso en Loveno estis decidate, ke la Kongreso 1940 okazos en ornako.*

*Pro la nunaj cirkonstancoj, ne estas jam antaŭvidebla, ĉu tiu Kongreso efektive vos okazi en tiu valona urbo.*

*Sed se nia kara lando havas la ŝancon resti ekster la konflikto la samideanaro os ĉiuokaze alvokata al ĉeesto se ne de plena kongreso, almenaŭ al ĝenerala kunno, kiu povus tiam okazi en la plej oportuna loko, ekzemple la ĉefurbo, kaj dum ĉiu havus la okazon, reĉerpi en komuna kunestado, la necesan kuraĝigon por onta laboro.*

*Ni tamen esperu ke antaŭ tiu tempo, la horizonto pliheliĝos ree kaj ke ni povos ŭrigi en reakirita paco, nian komunan laboradon por nia alta Celo.*

## NIA KONGRESO 1939

a kompleta listo de la aliĝintoj al la ngreso 1939.

. S-ro R. Marghem, Marcinelle.
. S-ro P. Kempeneers, Bruselo.
. F-ino Y. Thooris,Bruĝo.
. S-ro M. Jaumotte, Antverpeno.
. S-ro A. Tassin, La Louvière.
. S-ro Ch. Poupeye, Bruĝo.
. S-ro Aug. Faes, Antverpeno.
. S-ro L. Cogen, Ninove.
. S-ino Faes, Antverpeno.
. S-ino Kempeneers, Bruselo.
. S-ino Jaumotte, Antverpeno.
. S-ro J. Alofs, Bruselo.
. F-ino M. Jacobs, Borgerhout.
. F-ino J. Loquet, Wilrijck.
. S-ino Staes, Koekelberg.
. F-ino Obozinsky, Bruselo.
. S-ro Hasselier, Kerkrade. (N.)
. S-ino Schoofs, Antverpeno.
. F-ino Hofkens, Antverpeno.
. S-ro Ach. Wauters, Berchem.
. S-ro Castel, Ganshoren.
. S-ino Castel, Ganshoren.
. S-ino Van Wanseele, Alost.
. S-ro Moy Thomas, London.
. F-ino Kestens, Bruselo.
. S-ro M. Wauters, Loveno.
. F-ino Jennen, Bruselo.
. S-ino Poupeye, Bruĝo.
. Sino Alofs, Bruselo.
. S-ro Alofs, André, Bruselo.
. S-ro L. Schoofs, Antverpeno.
. F-ino Nachtergael, Gento.
. S-ino Petiau, Gento.
. S-ino Cogen, Ninove.
. S-ro Van der Echt, Woluwe.
. S-ro Molle, Charleroi.
. S-ino Molle, Charleroi.
. S-ro Penninck, Walcourt.
. S-ro R. Jaumotte, Wilrijck.
. S-ro Hart, Bruselo.
. S-ino Hart, Bruselo.
. S-ro Cafonette, Walcourt.
. S-ro Severin, Charleroi.
. F-ino Meuws, St-André-Bruĝo.
. S-ino Waterlot, Marcinelle.
. S-ro Jacobsohn, Bruselo.
. S-ino Jacobsohn, Bruselo.
. S-ro Degreef, Montigny-sur-Sambre.
. S-ro Raes, Jette.
. S-ro Van Roye, St-André.
. S-ino Van Roye, St-André.
52. S-ro Bramkamp, Scheveningen. (N.)
53. S-ino Bramkamp, Scheveningen. (N.)
54. F-ino Bramkamp, Scheveningen. (N.)
55. S-ino Elworthy, Mariaburg.
56. S-ro Demoulin, Charleroi.
57. S-ro Van Goch, Antverpeno.
58. F-ino C. Faes, Antverpeno.
59. S-ro Decoster, Bruĝo.
60. F-ino J. Morrens, Antverpeno.
61. F-ino J. Dubois, Antverpeno.
62. F-ino Van Acker, Anverpeno.
63. S-ro M. Roost, Antverpeno.
64. S-ro Zichet, Loveno.
65. S-ro L. De Hondt, Antverpeno.
66. S-ino J. De Hondt, Antverpeno.
67. S-ino Gruslet, Gento.
68. F-ino J. Plyson, Bruselo.
69. F-ino L. Plyson, Bruselo.
70. S-ro Cheppe, Pâturages.
71. F-ino Montens, Loveno.
72. S-ro Sprongers, Loveno.
73. S-ro Groverman, Gentbrugge.
74. S-ro Touseyn, Jabbeke. (W.Vl.)
75. S-ro Blaise, Morden (Anglujo).
76. S-ino Tasse, Merbes-le-Château.
77. F-ino C. Willems, Bruĝo.
78. F-ino M. Willems, Bruĝo.
79. S-ro Timmerman, Gento.
80. S-ro Vandevelde, Merelbeke.
81. S-ro Douchamps, Jette.
82. S-ino Douchamps, Jette.
83. S-ino Leconte, Marcinelle.
84. F-ino Van Daele, Bruĝo.
85. S-ino Pierre, Bruselo.
86. F-ino Pierre, Bruselo.
87. S-ino Tassin, La Louvière.
88. S-ro Tassin (fils), La Louvière.
89. S-ro L. Ritschie, Antverpeno.
90. S-ro G. Van den Bossche, Antverpeno.
91. S-ino J. Van den Bossche, Antverpeno
92. S-ro Maes, Bruselo.
94. S-ro Maes, Bruselo.
95. S-ro Nyssens, Bruselo.
96. F-ino Nyssens, Bruselo.
97. S-ro Willot, Loveno.
98. F-ino Pollak, Etterbeek.
99. S-ro De Mayer, Nivelles.
100. S-ro Roland, Tirlemont.
101. S-ro Walter de Ravet, Antverpeno
102. S-ro Veldhaens, Tirlemont.
103. S-ino Haudebinne, Tirlemont.
104. S-ro Rodeyns, Tienen.
105. S-ro Mineur, Wasmes.
106. S-ro Vermandere, Bruselo.

## NIA KONGRESO 1940a

La 56 membroj de la honora gvardio de la Kongreso 1940.

D-ro P. Kempeneers
F-ino Y. Thooris.
S-ro M. Jaumotte.
S-ro André Tassin.
S-ro Ch. Poupeye.
S-ro L. Cogen.
S-ino Kempeneers.
S-ino Jaumotte.
S-ino A. Tassin.
S-ino Schoofs.
S-ino Ch. Poupeye.
S-ro A. Faes.
S-ino L. Faes.
F-ino Jacobs.
F-ino Loquet.
S-ro F. Penninck.
S-ro A. Tassin (filo).
S-ro G. Van den Bossche.
S-ino G. Van den Bossche.
F-ino J. Verhelst.
S-ro P. Nyssens.
F-ino Nyssens.
S-ro Rodeyns.
S-ino F. Staes.
F-ino Obozinski.
S-ino P. Hasselier.
S-ro Ach. Wauters.
S-ro Moy Thomas.
F-ino Kestens.
S-ro Léon Schoofs.
Fino Jennen.
F-ino Nachtergael.
S-ino Petiau.
S-ino L. Cogen.
S-ro R. Jaumotte.
S-ro Bramkamp.
S-ino Bramkamp.
S-ino Elworthy-Posenaer.
S-ro J. Van Goch.
F-ino Cécile Faes.
S-ro Decoster.
F-ino Morrens.
F-ino Dubois.
F-ino Van Acker.
S-ro Marcel Roost.
S-ro De Hondt.
S-ino De Hondt.
F-ino Gruslet.
F-ino Julia Plyson.
F-ino Louise Plyson.
F-ino Cecile Willems.
F-ino Mad. Willems.
S-ro Timmermans.
S-ro Douchamps.
S-ino Douchamps.
S-ro Vandevelde.

## Ni restu fidelaj

# BELGA KRONIKO

## GRUPA KALENDARO

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — Kunvenejoj « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France, kaj : Lge Leemstraat, 127, Lge Rue d'Argile : ĉiusabate je 21a h.

Pro la remalfermiĝo de la kafejoj kaj kunvenejoj vespere, la kunvenoj de nun povos ree okazi en « Witte Leeuw », krom la esceptoj ĉiumonate antaŭvidataj.

La programo por la sekvontaj semajnoj estos starigata kaj komunikata dum la kunsido de la 18-a, kiu okazos en « Witte Leeuw » akurate je la 21-a horo.

BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — Ĉiumarde, je la 20-a. — SIDEJO : « Gouden Hoorn-Cornet d'Or », placo Simon Stevin. tel. 314.59.

**Nur kiel memorigilo.**

3-an de Okt. : Redaktaj ludoj« Kion vi faris por Esperanto dum la lasta semajno? » (Prez. F-ino. Y. Thooris.)

10-an : Legado kaj klarigado de « Belga Esperantisto » (Prez. S-ro. Ch. Poupeye.)

17-an : S-ro J. Drubbel parolos pri « Nia Biblioteko » Prez. F-ino. M. Huyghe.)

24-an : Kantvespero, Gvidado : S-ino Poupeye, piano : S-ino Van Roye.

31-an : F-ino Suzanne Van den Berghe parlos pri « Mia vojaĝo en Nederlando » (Prez. S-ro J. Drubbel.)

Merkredon, 1-an de novembro, je la 10 3/4-a en la Sankta Georgostrato : Sekvantaro al la Milita Tombejo.

7-an de nov. : Kartludado (Prez. S-ro H. Van Roye.)

14-an de « Fajrujo aŭ Hejtotubaro ». Debato. Prez. S-ro K. Decoster.

21-an : Duopa babilado (Prez. F-ino. A. Boereboom.)

28-an : Humoraĵoj (Prez. S-ro. G.E. Guillaume.)

5-an de decembro : S-ta Nikolao-vespero. Ĉiu alportu nekonatan donaceton. Prez.: S-ro Ch. Poupeye.

12-an: Kamenhof-vespero. Prez.: F-ino Y. Thooris.

19-an: Legado de B.E. aŭ kartludado. Prez.: S-ro H. Van Roye.

26-an: Gaja jarfina vespero: Banjoludado sub gvidado de Ges-roj de Vooght: Prez.: ?

N. B. — **KURSOJ :** Kurso por progresantoj okazas dum la unua horo de ĉiu kunveno — krom tiu de la 26-a. Oni alvenu do akurate je la 20-a kaj alportu notlibreton.

**Elementa kurso** povus baldaŭ esti donata, kondiĉe ke sufiĉaj interesuloj sin anoncu. La membroj estas nepre petataj komuniki senprokraste al la komitato, nomojn kaj adresojn de eventualaj lernantoj.

**BIBLIOTEKO :** malfermata ĉiumarde de la 19,30-a ĝis la 20-a en la Sidejo. Multaj novaj libroj ; luprezo : 0 fr. 25 por DU semajnoj. Bibliotekisto : S-ro J. Drubbel. Tie ankaŭ samtempe vendado kaj mendado de esperantaĵoj : libroj, steloj, poŝtkartoj, leterpapero, ktp. — Magazenisto : S-ro K. Decoster.

**HELPA VENDEJO** de esperantaĵoj ĉe F-ino M. HUYGHE, Potterierei, 1, quai de la Poterie. (Helpa Poŝtoficejo). Tel. 315.61.

BRUSELO. — **« Esperantista Brusela Grupo ».** — Kunvenejo : « Hotelo Albert I », Placo Rogier, 10, ĉiulunde : de la 8-a ĝis la 10-a.

**nur kiel memorigilo.**

Lundon la 4-an de Septembro: S-ro Jacobsolm parolos pri io ajn.

Lundon la 11-an: S-ro Seltzer raportos pri svisa antologio.

Lundon la 18-an: S-ro Mooj gvidos « varian vesperon ».

Lundon la 25-an: F-ino Kestens parolos pri modo kaj organizos amuzaĵojn.

Lundon la 2-an de Oktobro: F-ino Jennen gvidas.

Lundon la 9-an: S-ro Van der Stempel gvidas.

Lundon la 16-an: F-ino Obozinski kaj S-ro Mooj gvidas.

Lundon la 23-an: F-inoj Ernst kaj Pierre gvidas.

Lundon la 30-an: S-inoj Staes kaj F-ino Plyson gvidas.

Lundon la 6-an de Novembro: Preparado de Zamenhofa tago.

Lundon la 13-an: S-ro Buenting gvidos novan kantlernadon.

Lundon la 20-an: S-ro Baruch, kiu vojaĝis en Estonio, faros paroladon pri tiu lando.

Lundon la 27-an: S-ro Selzer faros raporton pri legado.

Lundon la 4-an de Decembro: Surpriz-vespero.

Lundon la 11-an: Zamenhofa tago programo (ne jam konata). Ĉiuj estos petataj ĉeesti.

★

La kursoj de S-ro Vanderstempel (perfektiga) kaj tiu de F-ino Obozinski (elementa) funkcias regule de la 8-a ĝis la 9-a ĉiulunde.

## GRUPAJ RAPORTOJ

**ANTVERPENO. — « Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — Dum la du unuaj monatoj de la mobiliza periodo, ĉiuj kunsidoj okazis en la kunvenejo, kiun B.E.I. disponigis en la « Esperanto-Domo », Lange Leemstraat.

La grupo tie povis okazigi ĉiujn programerojn ordinare antaŭviditajn, krom mitulmanĝo, kiu okazis en apuda kafejo « Ducal », kaj kiu iĝis duoble agrabla pro surprizoj de S-ro Vermandere. Post la 10-a horo ĝi estis daŭrigata en la Esperanto-Domo.

Novaĵo estis la forlotumado ĉiuvespere inter la ĝustatempe alvenintaj gemembroj, de bela libro el la Esp.-literaturo.

**BRUĜO. — Bruĝa Grupo Esperantista, Re... Societo :** La 11-an de Julio, multaj memb... kunvenis Grandan Placon, « Café de la Bo... se », ĉe samgrupanino S-ino Christiaens, ... tie aŭskulti sonorilarkoncerton.

La unua duono de la kunveno de la 18-a julio estis dediĉata al legado de B.E., kaj ... dua al kantado.

Esperanta kartludado, sub gvidado de S-... Van Roye, agrabligis la kunvenon de la 2... de julio. Gajnis : S-ino Poupeye, F-ino ... Tanghe kaj H. Van Roye.

Debato « Por aŭ kontraŭ filatelio » es... kompetente prezentata de S-ro H. Van Ro... la 1-an de aŭgusto. S-ro R. Groverman paro... pri la historio de la poŝtmarkoj.

I.E.L.-vespero, sub prezideco de F-ino ... Thooris, okazis la 8-an de aŭgusto. S-ro Spo... ankaŭ rakontis kiel la novaĵo pri la naskiĝo ... la princino Irène estis diskonigata al la Ned... landa popolo kaj al la kolonioj.

La 15-an de Aŭgusto ne okazis kunveno p... la festotago.

La kunveno de la 22-a de Aŭgusto es... agrabligita per la vizito de malnova franca s... mideanino, S-ino Grafino de Berény... kaj m... gajigata pro la anonco pri la morto de la t... fervora angla samgrupano, S-ro T. Llo... (+ 19-8-39). Antaŭ staranta ĉeestantaro, F-i... Thooris, prezidantino, rememorigis pri la ju... kora fervoreco de tiu maljuna samideano, k... malapero ĉagrenigas ĉiujn.

La 29-an de Aŭgusto, S-ro G. Grootha... belege antaŭlegis en propra traduko la kortuŝ... legendon pri la Reĝino Astrid. Traduko ... prezentado estis perfektaj. Post longaj aplaŭd... F-ino A. Boereboom, kiu prezidis, kore dan... kaj gratulis S-ron Groothaert, nome de ĉiuj.

Intima babilado plenigis la kunvenon de ... 5-a de septembro. Estis decidata ke la semaj... kunvenoj estos daŭrigataj malgraŭ ĉiuj nu... tempaj malhelpaĵoj kaj ankaŭ ke la duono de... « Soldo por Esperanto » estos dediĉata al su... teno de la organizaĵo por « La Pakaĵo de ... Soldato ».

La 12-an de Septembro, denove espera... kartludado. Gajnis: S-inoj Poupeye kaj V... Roye, kaj F-inoj S. Vanden Berghe kaj M... hieu. La sinjoroj do ricevis severan baton!

S-ro H. Van Roye gvidis portretludon d... la kunveno de la 19-a de septembro.

Dimanĉe, 24-an de Septembro, F-ino S. V... den Berghe gvidis dudekon da samgrupanoj ... la fama Memling-ekspozicio. Kiel pentroart... ino ŝi plej kompetente donis bonegan klarig... en Esperanto, kio ankaŭ propagande efikis ... la multnombraj vizitantoj.

S-ro G. E. Guillaume gvidis la humoraĵv... peron de la 26-a, rakontante, kun la helpo ... diversaj ĉeestantoj, multajn ridigajn anekdoto... Tiu kunveno estis la lasta, kiu povis okazi ... la Salonego Brangwyn, kies estroj, Ges-roj ... hansart, forloĝas al Sint-Kruis. F-ino Thoo... atentigante pri tio, direktis varman dankon ... la ĉeestanta S-ro Vital Jehansart, pro lia j... kvarjara bonega gastigado de la grupo. V...

taj kunvenoj okazos en la sidejo « Gouden ıorn — Cornet d'Or ».

Dum libertempaj semajnoj, D-ro Kempeneers ezidis kaj agrabligis niajn kunvenojn, majstre ante humoran romanon de Jerome k Jerome Tri homoj sur boato ».

La 14-a de Aŭgusto, S-ro Holmes, prezidanto londona esperantista grupo, gasto de familio erre, vizitis nian grupon kaj ensekretigis nin vespero laŭ angla modo. Sinjorino Holmes rmis la ĉeestantojn per bela kantvoĉo. Ĉiuj speroj gaje finiĝis ĉu per kantoj ĉu per hu-orajoj aŭ dancoj.

★

La 3-an de oktobro, sub prezido de F-ino hooris, la ĉeestantoj faris ĉiuj mallongan re-kton pri la demando: « Kion vi faris por p. dum la lasta semajno? » La korektitaj ver-jetoj estis poste laŭtlegataj.

La 10-an, S-ro Poupeye donis la unuan leci-on de la kurso por progresantoj. Multaj stu-maj gemembroj ĉeestis. Post tio okazis agra-a interbabilado.

La 17-an, F-ino Thooris donis la duan leci-on de tiu kurso, post kio, S-ro Drubbel faris opagandan paroladeton favore de la grupa blioteko.

La 24-an, post la 3-a leciono donata de S-ro an Roye, okazis kantado sub gvidado de inoj Poupeye kaj Van Roye.

La 31-an la grupo havis la plezuron akcepti viziton de S-ino kaj F-ino Braukamp el heveningen (Ned.), kiuj restadis dum kelkaj goj en Bruĝo. S-ro Poupeye donis la 4-an le-onon de la supera kurso, kaj S-ro Spoom, ürigis sian paroladon pri « Cindrigo » jam mencitan dum la antaŭa kunveno.

La 1-an de novembro, multnombra delegitaro la grupo partoprenis kun la flago en la tu-bra sekvantaro el la Milita Tombejo.

La 7-an, S-ro Van Roye, anstataŭante inon Thooris malhelpatan, donis la 5-an le-onon. Dum la dua parto de la kunveno, la ĉe-tantoj multe amuziĝis per Esperanta kartlu-do.

Dum ĉiu kunveno estis farata la kutima mon-lekto « Soldo por Esperanto ». La duono la kolektitaj sumoj estas ĉiumonate dediĉata la « Pakaĵo de la Soldato ». La grupo an-ŭ jam sendis Esp.-librojn al kelkaj interes-ntaj soldatoj.

*Festo de la 10-an de Julio*

La Prezidantino bonvenigas la novajn mem-ojn (novajn esperantistojn, gelernintojn de la rsoj jusfinitaj). Ĉiu « baptinfano » havas ĉu ptopatron, ĉu baptopatrinon; ili sidas tiama-re: unu baptopatrino apud sia baptofilo, u baptopatro apud sia baptofilino; tuj regas reco, bonhumoro kaj gajeco! (For la pensoj i la severaj eksterokazajoj!).

Unue, hore, oni kantas « la Espero », serioze. ste venas la gaja parto, F-ino Kestens kantas « Lulkanton » de Mozart, kaj ĉe la fino de strofo, kun la rekantado la baptoinfanoj ri-vas de la gebaptopatroj: suĉboteleton, suĉi-, suĉinfanan amuzilon, dormĉapojn kaj fine, kerajojn.

Tiu numero tre bone sukcesas: ĉiuj ridas, eĉ adas kaj ridegas...

Poste, S-ro Kempeneers faras paroladon, fraŭlino talente kantas, oni instruas novan kanton (Georgo kaj Lizbeto) tre gajan, oni faras tombolon, ĝeneralan ronddancon, kaj fine eĉ la « suĉinfanoj » dancadas sufiĉe malfrue.

Ni firme esperas ke ĉiuj la partoprenantoj restos fidelaj, kaj ke, proksiman jaron, ĉiuj baptinfanoj fariĝos baptogepatroj!

★

Malgraŭ la malfacilaj cirkonstancioj, la kunvenoj estas sufiĉe bone kaj nombre sekvataj. Ni plenigis la antaŭviditan programon, tiama-niere: F-ino Kestens faris paroladon pri Modo... interesan eĉ por la Sinjoroj, S-ro Mooj gvidis enigmojn kaj problemojn kelkfoje tre malfacilajn sed ĉiam tre amuzajn kaj instruig-ajn! F-ino Jennen donis, kun multaj doku-mentoj, paroladon pri nia internacia kongreso en Berno. S-ino Ernst bonege propagandis por la grupa biblioteko, interalie resumante partion de « Viktimo » de Baghy. S-ro Selzer ankaŭ faris raporton pri la « Svisa Antologio » de Berno alportita de nia sindonema Sinjorino Staes. Ĉiuj kunvenoj plaĉis al la ĉeestintoj; bedaŭrinde ili ĉiam devis fini je la 22-a sen-kompate!

**GENTO. — Gent'a Grupo.** — Dimanĉon, 18-an de Junio, la Grupo havis sian ĉiujardu-onan oficialan kunsidon; ĝi konsistis el raporto de S-ro Fr. De Man pri la stato de la kaso, kaj elekto de du komitatanoj.

La kaso estas en ekvilibro danke al la mal-avareco de kelkaj grupanoj, kiuj pagis rimar-kinde pli ol la ordinara kotizaĵo.

La komitataneco de F-ino J. Nachtergaele kaj de S-ro Fr. De Man finiĝis en Junio 1939. Estante reelekteblaj, ili estas reelektitaj sen voĉdono (sed kun aplaŭdoj de la ĉeestantoj), ĉar aliaj kandidatoj ne sin prezentis. La komi-tato konsistas nun: 1°, ĝis Junio 1941, el tiuj du fidelaj kaj sindonemaj personoj; 2°, el S-inoj De Rijcke kaj Gruslet, kaj S-ro Vandevelde, kies komitataneco finiĝos en Junio 1940.

Tiu kunsido okazis en ĝardeno, ĉe la redakt-ejo de la grupa Bulteno « Klopodo ». Tie, en la agrabla Junia aero, post la oficialaĵoj, F-ino Van de Vijver kaj S-ro Timmerman diris la amuzan teatraĵeton « Amo kaj Proverboj »; ĉiuj ĉeestantoj, eĉ la novuloj, ŝatis la prononcma-nieron de la gekontraŭuloj, kiuj, je fino de l'afero, akordiĝas. Ili meritas grandan dankon.

La agrabla dimanĉa tagduono kompletiĝis per kafa manĝeto, leksikona kartludo, kaj di-versaj aliaj amuzaĵoj.

★

En la komenco de Oktobro, okazis unuagrada ekzameno; sukcesis: F-ino A. Van Wassen-hove, kun « merito »; kaj S-ro D. Lustig, kun « plej granda merito ».

La Grupo intencis komenci novan lecionaron en Septembro; sed, pro la minaĉantaj okazaĵoj, ĝi estas prokrastita.

Fine, la 24-an de Oktobro, malgraŭ la ne favoraj cirkonstancoj, ni faris publikan kunsi-don, dum kiu S-ino De Rijcke tre kompetente klarigis la tutan aferon de la internacia helpa lingvo, pere de 65 novaj lumbildaj tabeloj aranĝitaj de la prezidanto de la Grupo.

La unua leciono okazis la 31-an de Oktobro. Samtempe rekomenciĝis la kompletigaj lecionoj por grupanoj. S-ro De Man gvidas la unua-gradajn lecionojn; S-ro Vandevelde, la aliajn.

## PREĜO DE LA EDZINIĜONTAJ FRAŬLINOJ

Ho, Dio, kiun mi genue petas,
Faru ke mi edzon trovas;
Ke li estu granda aŭ malaltkreskant', ne gravas,
Sufiĉas ke el junulinec', mi eliras!
Ne sendu min drinkulon
Malŝparant' aŭ frenezulon:
Ke li amu min kaj bone sian panon gajnu,
Estas la feliĉo nura, kiun mi enviu.
Nian hejmon mi gajigos,
Kaj bone lin, do, al mi ligos!
Li estu fort', kaj ke al mia malfortem'
Faru li rempar' de karesem'.
Venu, ho amanto, rapidege,
Animo mia vin atendas, sentimege.
Ĉiuj laŭdas mian afablecon
Kaj malamas mi la fraŭlinecon!
Mi dezirus vidi, en lulilo ĝia
Radiantan, kiel estaĵo pia,
Anĝelon, kiu lin similus,
Kaj kiun kun' ni multe amus!

(El franca lingvo tradukis H.V.R.).

## FAMILIA KRONIKO

## GRATULOJ:

Al S-ro Guillaume Loquet, membro de « La Verda Stelo », Antverpeno, pro lia edziĝo kun F-inoRenée Rellecom (2-IX-39).

Al G-roj Armand De Hondt-Standaert pro la naskiĝo de fileto Eddy, kiu estas nepeto de S-ino V-ino De Hondt, neveto de G-roj Louis De Hondt-Hubens kaj kuzeto de S-ro Henri De Hondt, ĉiuj fideluloj de « La Verda Stelo », Antverpeno.

Al S-ro Leŭtenanto kaj al S-ino Willy Mar-lé, pro la naskiĝo de fileto René (21-10-39).

## KONDOLENCOJ:

Pro la morto, je 93-jara aĝo, de S-ino Loy-kens, vidvino de S-ro J. Loquet, avino de S-ro G. Loquet, de G-roj M. Jaumotte-Loquet kaj de F-ino J. Loquet, kaj pra-avino de S-ro Wal-ter de Ravet kaj de S-ro Roger Jaumotte, ni prezentas niajn kondolencojn al ĉiuj tiuj ge-membroj de « La Verda Stelo » Antverpeno (19-X-39).

Pro la morto de ŝia patrino, ni prezentas niajn amikajn kondolencojn al F-ino I. Cal-laert, membrino de la Genta Grupo kaj al ŝia familio.

Al F-ino Marguerite HUYGHE, komitatan-ino de la Bruĝa Grupo, pro la morto de ŝia patro, S-ro Victor HUYGHE (8-11-39). La karmemora formortinto estis varma simpatianto de nia movado kaj ofte faris utilajn servojn al la Bruĝa Grupo.

# La unuaj publikaj paroloj de l'majstro

*Je tiu ĉi momento, kiam denove nia Idealo estas en danĝero, plej bone estas relegi la parolojn de l'Majstro.*

*Tial ni hodiaŭ represas ĉi sube la unuan parol adon eldiritan de D-ro Zamenhof ĉe la unua Kon greso de Esperanto en Boulogne-sur-Mer la 5-an de Aŭgusto 1905.*

Estimataj Sinjoroj kaj Sinjorinoj !!

Mi salutas vin, karaj Samideanoj, fratoj kaj fratinoj el la granda tutmonda homa familio, kiuj kunvenis el landoj proksimaj kaj malproksimaj, el la plej diversaj regnoj de la mondo, por frate premi al si reciproke la manojn pro la nomo de granda ideo, kiu ĉiujn nin ligas. Mi salutas vin ankaŭ, glora lando Francujo kaj bela urbo Bulonjo-sur-Maro, kiuj bonvole oferis gastamon al nia kongreso. Mi esprimas ankaŭ koran dankon al tiuj personoj kaj institucioj en Pariszo, kiuj ĉe mia trapaso tra tiu ĉi glora urbo esprimis sub mia adreso sian favoron por la afero Esperanto, nome al s-ro la ministro de Publika Instruado, al la Urbestraro de Parizo, al la Franca Ligo de Instruado kaj al multaj diversaj sciencaj eminentuloj.

Sankta estas por ni la hodiaŭa tago. Modesta estas nia kunveno ; la mondo ekstera ne multe scias pri ĝi, kaj la vortoj, kiuj estas parolataj en nia kunveno, ne flugos telegrafe al ĉiuj urboj kaj urbetoj de la mondo; ne kunvenis regnestroj, nek ministroj, por ŝanĝi la politikan karton de la mondo, ne brilas luksaj vestoj kaj multego da imponantaj ordenoj en nia salono, ne bruas pafilegoj ĉirkaŭ la modesta domo, en kiu ni troviĝas; sed tra la aero de nia salono flugas misteraj sonoj, sonoj tre mallaŭtaj, ne aŭdeblaj por la orelo, sed senteblaj por ĉiu animo sentema ; ĝi estas la sonoj de io granda, kiu nun naskiĝas. Tra la aero flugas misteraj fantomoj ; la okuloj ilin ne vidas, sed la animo ilin sentas; ili estas imagoj de tempo estonta, de tempo tute nova. La fantomoj flugos en la mondon, korpiĝos kaj potenciĝos, kaj niaj filoj kaj nepoj ilin vidos, ilin sentos kaj ĝuos.

En la plej malproksima antikveco, kiu jam de longe elviŝiĝis el la memoro de la homaro, kaj pri kiu nenia historio konservis al ni eĉ la plej malgrandan dokumenton, la homa familio disiĝis kaj ĝiaj membroj ĉesis kompreni unu la alian. Fratoj kreitaj ĉiuj laŭ unu modelo, fratoj, kiuj havis ĉiuj egalan korpon, egalan spiriton, egalajn kapablojn, egalajn idealojn, egalan Dion en siaj koroj, fratoj, kiuj devis helpi unu la alian kaj labori kune por la feliĉo kaj la gloro de sia familio, — tiuj fratoj fariĝis tute fremdaj unuj al aliaj, disiĝis ŝajne por ĉiam en malamikajn grupetojn, kaj inter ili komenciĝis eterna milito. En la daŭro de multaj miljaroj, en la daŭro de la tuta tempo, kiun la homa historio memoras, tiuj fratoj nur eterne bataladis inter si, kaj ĉia interkompreniĝado inter ili estis absolute ne ebla. Profetoj kaj poetoj revadis pri ia tre malproksima nebula tempo, en kiu la homoj denove komencos komprenadi unu la alian kaj denove kuniĝos en unu familion : sed tio ĉi estis nur revo. Oni parolis pri tio, kiel pri ia dolĉa fantazio, sed neniu prenis ĝin serioze neniu kredis pri ĝi.

Kaj nun la unuan fojon la revo de miljaroj komencas realiĝi. En la malgrandan urbon de la franca marbordo kunvenis homoj el la plej diversaj landoj kaj nacioj, kaj ili renkontas sin reciproke ne mute kaj surde, sed ili komprenas unu la alian, ili parolas unu kun la alia kiel fratoj, kiel membroj de unu nacio. Ofte kunvenas personoj de malsamaj nacioj kaj komprenas unu la alian ; sed kia grandega diferenco estas inter ilia reciproka kompreniĝado kaj la nia ! Tie komprenas sin reciproke nur tre malgranda parto da kunvenintoj, kiuj havis la eblon dediĉi multegon da tempo kaj multegon da mono, por lerni fremdajn lingvojn —, ĉiuj aliaj partoprenas en la kunveno nur per sia korpo, ne per sia kapo ; sed en nia kunveno reciproke sin komprenas ĉiuj partoprenantoj, nin facile komprenas ĉiu, kiu nur deziras nin kompreni, kaj nek malriĉeco, nek nehavado de tempo fermas al iu la orelojn por niaj paroloj. Tie la reciproka kompreniĝado estas atingebla per vojo nenatura, ofenda kaj maljusta, ĉar tie la membro de unu nacio humiliĝas antaŭ la membro de alia nacio, parolas lian lingvon, hontigante la sian, balbutas kaj ruĝiĝas kaj sentas sin ĝenata antaŭ sia kunparolanto, dum tiu ĉi lasta sentas sin forta kaj fiera ; en nia kunveno ne ekzistas nacioj fortaj kaj malfortaj, privilegitaj kaj senprivilegitaj, neniu humiliĝas, neniu sin ĝenas; ni ĉiuj staras sur fundamento neŭtrala, ni ĉiuj estas plene egalrajtaj; ni ĉiuj sentas nin kiel membroj de unu nacio, kiel membroj de unu familio, kaj la unuan fojon en la homa historio ni, membroj de la plej malsamaj popoloj, staras unu apud alia ne kiel fremduloj, ne kiel konkurantoj, sed kiel fratoj, kiuj ne altrudante unu la alia sian lingvon, komprenas sin reciproke, ne suspektas unu la alian pro mallumo ilin dividanta, amas sin reciproke kaj premas al si reciproke la manojn ne hipokrite, kiel alinaciano al alinaciano, sed sincere, kiel homo al homo Ni konsciu bone la tutan gravecon de la hodiaŭa tago, ĉar hodiaŭ inter la gastamaj muroj de Bulonjo-sur-Maro kunvenis ne Francoj kun Angloj, ne Rusoj kun Poloj, sed homoj kun homoj. Benata estu la tago, kaj granda kaj gloraj estu ĝiaj sekvoj !

Ni kunvenis hodiaŭ, por montri al la mondo, per faktoj nerefuteblaj, tion, kion la mondo ĝis nun ne volis kredi. Ni montros al la mondo, ke reciproka kompren[...] iĝado inter personoj de malsamaj nacio[...] estas tute bone atingebla, ke por ĉi ti[...] tute ne estas necese, ke unu popolo hum[...] iliĝu aŭ englutu alian, ke la muroj inter l[...] popoloj tute ne estas io necesega kaj eter[...] na, ke reciproka kompreniĝado inter krei[...] taĵoj de tiu sama speco estas ne ia fanta[...] zia revo, sed apero tute natura, kiu pro[...] tre bedaŭrindaj kaj hontindaj cirkonstanco[...] estis nur tre longe prokrastita, sed kiu pl[...] aŭ malpli frue nepre devis veni kaj kiu[...] fine nun venis, kiu nun elpaŝas ankoraŭ tre malkuraĝe, sed, unu foton ekirinte, jam ne haltos kaj baldaŭ tiel potencege ekregos en la mondo, ke niaj nepoj eĉ ne volos kredi, ke estis iam alie, ke la homoj, la reĝoj de la mondo, longan tempon ne komprenis unu la alian ! Ĉiu, kiu diras, ke neŭtrala arta lingvo estas ne ebla, venu al n[...] kaj li konvertiĝos. Ĉiu, kiu diras, ke la parolaj organoj de ĉiuj popoloj estas malsamaj, ke ĉiu elparolas artan lingvon ali[...] kaj la uzantoj de tia lingvo ne povas kom[...] preni unu la alian, venu al ni, kaj, se li estas homo honesta kaj ne volas konscie mensogi, li konfesos ke li erais. Li promenadu en la venontaj tagoj en la strato[...] de Bulonjo-sur-Maro, li observadu, kie[...] bonege sin komprenas reciproke la reprezentantoj de la plej diversaj nacioj, li demandu la renkontatajn Esperantistojn, kiom multe da tempo aŭ mono ĉiu el il[...] dediĉis por ellerni la artan lingvon, li komparu tion ĉi kun la grandegaj oferoj, kiujn postulas la lernado de ĉiu lingvo natura — kaj, se li estas homo honesta, li iru en la mondon kaj ripetadu laŭte : « Jes, lingvo arta estas tute ebla kaj la reciproka kompreniĝado de homoj per neŭtrala arta lingvo estas ne sole tute ebla, sed eĉ tre kaj tre facila. Estas vero, ke multaj el n[...] posedas nian lingvon ankoraŭ tre malbon[...] kaj malfacile balbutas, anstataŭ parol[...] flue ; sed, komparante ilian balbutadon ku[...] la perfekte flua parolado de aliaj personoj ĉiu konscia observanto facile rimarkos, ke la kaŭzo de la balbutado kuŝas ne en la lingvo, sed nur en la nesufiĉa ekzercite[...] de diritaj personoj. »

Post multaj miljaroj da reciproka sur[...] da-muteco kaj batalado, nun en Bulonjo sur Maro, fakte komenciĝas en pli granda mezuro la reciproka kompreniĝado kaj fra[...] tiĝado de la diverspopolaj membroj de la homaro ; kaj unu fojon komenciĝinte, ĝi jam ne haltos, sed irados antaŭen ĉiam pl[...] kaj pli potence, ĝis la lastaj ombroj de la eterna mallumo malaperos por ĉiam. Gra[...] vegaj estas la nunaj tagoj en Bulonjo-sur Maro, kaj ili estu benataj !

*(Sekvo en proksima numero)*

# GAZETERA SERVO

GAZETOJ AŬ ELTRANĈAJOJ RICEVITAJ DE LA 10-6-1939 ĜIS LA 10-9-1939
(UNU TRIMESTRO)

| GAZETOJ. | ELIRDATO, TEMOJ KAJ GE SENDINTOJ. |
|---|---|
| 1. Gazet van Tienen : | 8-7 : Propagando pri Esperanto (franc- kaj nederlandlingve)), ?. |
| 2. Het Handelsblad : | 4-8 : Pri la katolika E. kongreso en Antverpeno, S-ro Alofs. |
| 3. Journal de Bruges : | De la 9-7 ĝis la 27-8, semajnaj artikoletoj pri Radio kaj Esperanto, F-ino Thooris. |
| | 18-6 : Pri la filmo « Idiot's Delight », F-ino Thooris. |
| | 30-7 : Ekzamenoj — Internacia kongreso, F-ino Thooris kaj S-ro Kempeneers. |
| | 6-8 : **Katolika E. kongreso en Mechelen, F-ino Thooris.** |
| 4. Le Matin : | 2-6 : La Belga E. kongreso, S-ro Kempeneers. |
| 5. Mon Copain : | 11-6 : Artikoleto pri E. en filmo, S-ro Alofs. |
| 6. De Morgenpost( Antverpeno): | 88-7 : La katolika Esperanto-Kongreso en Antverpeno, S-ro H. Vermuyten. |
| | 23-7 : E. en dana lernejo (filmo Neĝulino) E. ŝlosiloj kaj Filmo Idiot's Delight, S-ro H. Vermuyten. |
| | 30-7 kaj 12-8 : La Internacia E. Katolika kongreso, S-ro H. Vermuyten. |
| 7. La Nation Belge : | 2-8 : Pri la kongreso en Bern, S-ro Kempeneers. |
| 8. Ons Blad (Tienen) : | 20-5 : Pri la Tienena E. Grupo, S-ro Kempeneers. |
| | 17-6 : E. kaj skoltoj, |
| | 8-7 : E. propagando en Tienen. |
| | 18-7 : Longa nederlandlingva artikelo pri Esperanto. |
| | 22-7 : Propagando pri E. kursoj. |
| | 29-7 : Longa franclingva artikolo pri Esperanto kaj propagando por E., en franca kaj nederlanda lingvoj S-ro Kempeneers. |
| 9. L'Opinion Publique : | 18-8 : Bonega artikolo pri Esperanto, S-ro Poupeye. |
| 10. La Patrie (Bruĝo) : | 18-6 : Kroniko : Pri afiksoj kaj radikoj, F-ino Thooris. |
| | 24-6 : La nomo de la nova Papo (Bibliografio), F-ino Thooris. |
| | 1-7 : Pri demokratio kaj aŭtokratio, F-ino Thooris. |
| | 16-7 : Universala kongreso (Nia verda stelo), F-ino Thooris. |
| | 22-7 : Pri la Portugala 8-a centjarfesto (Pensoj E. Ŝlosiloj) Egipta turismo (Mondoteorio E.ekamenoj) Berna kongreso, F-ino Thooris. |
| | 12-8 : Pri la Marsejla kongreso, F-ino Thooris. |
| | 19-8 : Pri papilioj, F-ino Thooris. |
| | 26-8 : Pri papilioj (Profetaĵo de Sa Andreo Bobola.La potenco de la amo), F-ino Thooris. |
| | 2-9 : La Sibilo (E.k. astronomio) Brazila poŝtsampo E.k. svisaj poŝt-aŭtomobiloj, F-ino Thooris. |
| | 9-9 : Gentoj kaj internacia lingvo (de Zamenhof), F-ino Thooris. |
| . Publivox (Cinema) : | 4-8 : Propagando por E. Ekspozicio en Tienen, S-ro kempeneers. |
| . Le Soir : | 29-7 : Pri la internacia kongreso en Bern, F-ino Thooris. |
| | 7-8 : E. kiel oficiala lingvo en kongreso de Edukado en Rio-de-Janeiro, S-ro Kempeneers. |

RIMARKO. — Por kelkaj eltranĉajoj la nomo de la sendanto mankis sur la sendajo.
16-9-1939.

La kolektanto,
J. ALOFS.

## « IDIOT'S DELIGHT »

Unua, en la vico de la belgaj urboj, Antverpeno havis la plezuron vidi a de la Esperantistoj jam tiel bone kaj antaŭe konatan filmon.

Ni reparolos pri ĝi en sekvonta numero. Ni diru nur, ke, verŝajne pro la irkonstancoj, la filmo iĝis por la luintoj, la kineja direkcio, grava malsukceso aj ke ĝi estis montrata nur dum unu semajno.

**Estraro de "Belga Ligo Esperantista"**

**Prezidanto :** D-ro Paul Kempeneers, 19, Avenue Montjoie, Uccle. (Tel. : 44.53.00.)

**Vicprezidantino :** F-ino Yvonne Thooris, 4, Wijnzakstraat — Rue de l'Outre, Bruĝo. (Tel. : 320.86.)

**Vicprezidanto :** S-ro Maurice Jaumotte, 44, Avenuo De Bruyn, Wilryck (Antverpeno). (Tel. : 777.58.)

**Sekretario :** S-ro Ch. Poupeye, 42, Elf Julistraat, Bruĝo.

**Kasisto :** S-ro André Tassin, 1, rue St-Joseph, La Louvière

**Por pagoj de kotizoj, anoncoj, abonoj kaj donacoj:**
P.Ĉ.K. 1337.67 de Belga Ligo Esperantista (La Louvière).

**Por pagoj al I. E. L.:**
grupanoj al la P.Ĉ.K. de sia grupo ;
izoluloj al la P.Ĉ.K. de Belga Ligo.
Por ĉiuj aliaj rilatoj pri I. E. L. sin turni al : S-ro G. Van den Bossche, teritoria sekretario. Rembrandtstr., 7, Antverpeno.

**Por pagoj al Belga Esperanto-Instituto :**
P.Ĉ.K. 1689.58, Antverpeno (Lange Leemstraat, 127).

Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Lange Leemstraat, 127, ANTVERPENO.